n-ro 15
1994-1
majo 1994

# Esperanto en Azio

## Bulteno de UEA pri la Esperanta movado en Azio



**eldonanto:** Prof. d-ro SO Gilsu / rok 158 600, Yangchon p.o. Kesto 11, Seoul, Korea Respubliko / hejma telefono kaj telefakso:-82-2-6465413

**redaktejo:** ĉe DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / telefono kaj telefakso:-81-45-785-5458

*e n h a v o*

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D* (koncize)

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK*

*A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj*

*Ĉ-1: studvojaĝoj en aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

*Ĉ-2: studvojaĝoj en eŭropaj landoj*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj*

## • *Salutas la eldonanto*

***Karaj legantoj!***

Tiu ĉi numero malfruiĝis pro mia malskribemo, pro kio mi petas pardonon de legantoj kaj redaktantoj. La preparo de la 79a UK en Seulo bone iras. Ĝis nun aliĝis 1400 anoj, el kiuj pli ol duono estas aziaj esperantistoj: (ĝis la fino de marto) 394 el Japanujo, 332 el Koreujo, 144 el Ĉinujo (el kiuj 114 estas kolektiva aliĝo de iu regiona asocio). Krome UEA aparte invitos aziajn aktivulojn el la landoj, ekz. Srilanko, Mongolio, Kamboĝo, Uzbekio, Nepalo ktp., kies esperantistoj tre malofte aŭ neniam partoprenis en UK. Kiel vi vidas en la statistiko, ĉi-jara UK estas vere AZIA.

Dum la lastaj kongresoj jam kutimis havi aziajn kunsidojn, kaj ĉi-jare ankaŭ. Mi tamen deziras, ke en Seulo ni havu la kunsidon, kiu naskos ian pli konkretan rezulton por nia azia movado, por kio mi invitas vin jam nun antaŭ la kunsido skribi al mi sub jena temo:

KIEL PROGRESIGI NIAN MOVADON EN AZIO?

Mi atendas tre konkretan efektivigeblan proponon, la rezulton mi publikigos dum la kunsido, kaj kelkaj brilaj ideoj estos publikigitaj en nia bulteno "Esperanto en Azio".

Mi antaŭvidas, ke la venonta numero aperos post UK, kaj mi salutas vin: Ĝis UK en Seulo, aŭ ĝis la venonta numero.

**la eldonanto SO Gilsu**

# 1. Raporto de SO pri la projektoj

## 1.1 Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA

Jenaj 86 personoj aliĝis al UEA laŭ la projekto:

| | |
|---|---|
| 1 el Bharato | S.S. Prodhan |
| 14 el Kamboĝo | CHEA Sovithyea, CHHIM Sokha, IN Sophara, KEO Som onn, KHEAV Runn, LIM Pheng, LOR Kymheng, LY Sokhena, NGOUN Sophy, OUK Manith, SHAN Arounsoriya, SREI Mom, SUY Serith, TIN Nhol |
| 59 el Ĉinujo | DING Din-ji, LI Changlu, LIU Minghui, MA Fengchen, MA Xuemei, SONG Jing-quan, WEI Shan. ZHU Baogang, BA Jing-ke, BAO Shujun, CHEN Yujun, CAO Donghai, DAJ Zhong-li, HAN Zuwu, HUANG Su-kun, HUANG Yinbao, JI Yingeng, JIANG In, JIANG Zuyue, KIANG Hsiaofeng, KONG Lei, LI Zhong-min, LIANG Naikeng, LIU Baohua, LIU Haitao, LIU Liduan, LIU Xiaozhe, LU Wenfang, LI Liang, LIANG Yingxiang, LIN Bo, MU Binghua, PAN Xian Wei, QIN Caixue, SHADMAN Ahanov, SHAO Rong, SHEN Minglun, SU Jinzhe, TANG Yong, WANG Jing-rong, WU Hongying, WANG Tianyi, WEN Gang, XIAO Peiliang, XU Chengzhi, YAN Jinglun, YUN Lizhong, ZHANG Fude, ZHANG Xinhua, ZHANG Xuesong, ZHANG Yuewu, ZHAO Zhongqin, ZHOW Qi, ZHU En, ZHANG Dong Song, PENG Jiang-jun, Petro S. KAIZ, QIANRAN Zhang, QIU Guanjin |
| 2 el Irano | Abdolah HAKIMNEJAD, Sultan Bhati |
| 1 el Mongolio | Sh. Jansanghav |
| 1 el Nepalo | Razen Manandhar |
| 2 el Pakistano | Ata Mohammad, Rashid Ahmad |
| 1 el Srilanko | U. Zeiter Perera |
| 5 el Vjetnamio | HOANG Minh Phung, NGUYEN Quang, NGUYEN Van-Dien, TRAN Dinh-Quyen, VAN Dinh-van |

# 2. Raportoj

## 2.1 Raporto de SO pri la kampanjo

Post la diskuto en la 78a UK en Valencio ni aperigis la artikolon en la 13a numero de "Esperanto en Azio" pri 2 kampanjoj, kaj jen la rezulto:

1. ampleksigo de delegita reto.

Plej okulfrapa prilaboro estis farita de ĈEL, kiu organize kaj sisteme laboris por

ampleksigi kaj aktualigi la delegitan reton en Ĉinujo. La rezulto estis tre granda, kion vi mem vidos en ĉi-jara jarlibro. Pro tio mi gratulas al ĈEL, kaj mi dankas ankaŭ pro la senkondiĉa akcepto de mia rekomendo, 11 kandidatoj, kiuj rekte skribis al mi. ĈEL diris, ke ili daŭrigos la laboron ankaŭ ĉi-jare.

Krom Ĉinujo malmultaj kandidatoj: 1 el Vjetnamio kaj 2 el Bharato, kies nomojn vi vidos en nova jarlibro.

Mi esperas, ke la novaj delegitoj fidele servu, kaj ke ankoraŭ pli multaj kandidatoj sin proponu por venonta jaro.

2. aperigo de loka grupo kaj mapo en jarlibro

Kontraŭsupoze la reago estis tre malgranda. Neniu peto pri mapo, kaj nur 2 petoj pri loka grupo.

## 2.2 Vizito al Vjetnamio, unu el la plej malriĉaj landoj de la mondo

*raportas Reza Kher-Kha*

La 14an de marto mi atingis al Noi Bai, la sola kaj malgranda flughaveno de Hanojo, la ĉefurbo de Vjetnamio. Akceptis min 3 esperantistoj: Dang Dinh Dam la sekretario de VPEA (Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio), d-ro Nguyen Quang kaj Dang Tran Thiet, aktivaj lokaj esperantistoj.

Mi estis surprizita konstati, ke krom la sek. aliaj 2 iom malfacile parolas Esperanton, kvankam kun ili antaŭe dum longa korespondado troviĝis neniu malfacilo, kaj mi ofte eĉ ĝuis skrib-manieron de d-ro Quang. La kialon mi poste komprenis: Ili ordinare apenaŭ havas ŝancon uzi Esperanton kun alilandanoj, ĉar vizitantoj estas tre maloftaj kaj eĉ de-tempo-al-tempajn esperantistajn ekzemple turistojn ne ĉiu povas renkonti.

Tamen sek. Dang Dinh Dam dum sia long-daŭra kariero kiel esperantisto kaj poste dum sia posteno kiel la sek. de VPEA (dum la lasta jardeko) havis sufiĉe da ŝancoj kaj okazoj renkonti alilandanojn kaj ĉefe dum sia konstanta sekretarieco ofte vojaĝis eksterlanden (ĉefe al eks-komunismaj kaj -socialismaj landoj, ekzemple unufoje 100 tagojn al Hungario) por partopreno en Esperanto-okazaĵoj, rond-vojaĝoj ktp. VPEA dekomence estis (estas) ŝtata organizo, kaj pro tio ordinare havis pli da kontaktoj kun simil-politik-sistemaj landoj. Sed pro la lasta malfermiteco de la lando ankaŭ VPEA povas havi pli da rilatoj kun aliaj landoj.

### *en hotelo (ESPECEN)*

Tuj mi estis kondukita al mia hotelo, kiu nomiĝas ESPECEN. Verdaj steloj sur la pordo kaj ankoraŭ en aliaj lokoj (sur ŝlositaj ankaŭ) ĝojigis min: Mi estas en malgranda Esperantujo! Tamen, en tiu (eble unu-stela) hotelo neniu parolas Esperanton.

ESPECEN estas mallongigo de ESPEranto-CENtro kaj ĝi estas nomo de ĉenoj da tiaj hoteloj divers-stelaj (ĉirkaŭ 10) en Hanojo. La ĉef-direktoro de la hotelo laŭ konsilo de sek. Dang (kiu kunlaboras kun li kiel konsilanto) decidis akcepti lian proponon pri tiu nomo.

Dang klarigis, ke pro malaltiĝo de ŝtata subvencio por VPEA, li devas iel aktivi por kovri iujn kostojn kaj propran vivtenon. Laste li fojfoje havas Esperanto-gastojn turistajn, kiujn oni kondukas al tiuj hoteloj. Mia ĉambro (en la 3a etaĝo) kostis unu nokton 10 $ kun komuna necesejo kaj banejo. Aliaj pli bonaj ĉambroj i.a. en aliaj hoteloj kostas ĝis 35$.

Pro miaj ĉiutagaj uzoj de Esperanto, en la fino de mia restado ĉiuj laborantoj de la hotelo (ofte junaj) bone lernis salutajn vortojn kaj eĉ unu el ili ĉiutage ricevis unu ĝis du horojn da instruado kaj fine povis paroleti Esperanton!

*kun esperantistoj*

Pro mia insisto kaj intereso mi kelkfoje havis renkontiĝon kun esperantistoj. La unua estis bonveniga kunveno por mi, kiun aranĝis VPEA, kaj iuj komitatanoj de VPEA ankaŭ partoprenis. Tiam kunvenis ĉirkaŭ 25, el kiuj plejparte estis maljunaj tamen viglaj, kaj inter ili multaj havas universitatajn edukojn (inter ili ekz. kuracistoj kaj inĝenieroj). Preskaŭ ĉiuj povis kompreni mian paroladon, tamen ne ĉiuj kapablaj je parolo.

Mi disdonis inter ili la anoncojn de japanaj esperantistoj (ĉefe libroj kaj poŝtmarkoj).

*kun komitatanoj de VPEA*

Mia alia renkontiĝo estis kun komitatanoj de VPEA. Tamen, nur aperis 3 personoj: Prez. Bui Hanh Can, poeto, kiu bone konas la japanan kaj ĉinan lingvojn, sek. Dang kaj Hong Hac, aktivulo de Hanoja Esperanto-Klubo. La sek. klarigis, ke nuntempe oni riparas la sidejon de VPEA; pro tio ni kunsidis en la gastejo de Kultura Domo, al kiu apartenas VPEA. Ni parolis pri diversaj aferoj, i.a. eventuala aliĝo de VPEA al UEA kaj problemoj kaj bezonoj de vjetnama movado (ĉefe hanoja). Laŭ klarigoj de la sek. nuntempe VPEA ne havas bonajn kondiĉojn por aliĝo, tamen ili volas konsideri tion.

*kun Hanoja Esperanto-Klubo*

La plej viglan kaj seriozan Esperanto-agadon laŭ mia konstato faras Hanoja Esperanto-Klubo, en kiu membras kelkaj lingv-kapablaj esperantistoj kaj ili havas daŭre kunvenojn kaj kursojn. Unu el la plej aktivaj esperantistoj de tiu klubo estas s-ro Hong Hac, kiu estas vic-direktoro de turisma kaj propaganda centro, kiu nomiĝas "Fortika". En la pasinta jaro ili organizis 4 kursojn, en kiuj partoprenis ĉirkaŭ 40 kaj finlernis 31.

Por 1994 ili provas ankoraŭ varbi novajn lernantojn, se ili sukcesus. Nuntempe en ĉiu ĵaŭdo estas kurso, kie ili daŭrigas lernadon kaj unu fojon monate estas kunveno por interŝanĝo de informoj kaj novaj decidoj.

***nuna stato de la movado***

En Vjetnamio estas preskaŭ 2 urboj, kie Esperanto-movado ekzistas: Hanoi kaj Hochiminh-urbo. Do, paroli pri vjetnama movado signifas paroli pri tiuj 2 urboj. Tamen en tiu ĉi raporteto ne eblas multe skribi pri Hochiminh, ĉar mi mem ne vizitis ĝin kaj ankaŭ ŝajne ne estas multe da kontakto inter tiuj 2 urboj. Ankaŭ pere de VPEA ne eblis ricevi multe da informoj pri la agadoj, kursoj kaj kunvenoj tie.

Dum la longa intervjuo kun la sek. de VPEA li diris, ke la plej granda problemo estas signifa malaltiĝo de la subvencio pere de la ŝtato. La alia estas manko de loko por kunvenoj kaj faro de kursoj. Kaj cetere, homoj pli kaj pli interesiĝas pri la angla lingvo, kiun ĉiutage pli da kompanioj uzas.

Mi estis iom surprizita aŭdi, ke nuntempe ne ekzistas vortaro de Esperanto-Vjetnama kaj inverse. Tiu problemo ne estas tiom freŝa kaj jam dum lastaj jaroj ne ekzistas vortaroj kaj lernantoj kopias antaŭajn vortarojn. Nuntempe iu samideano el Hochiminh laboras pri nova vortaro, kiu ŝajne finiĝis kaj restas trakto kaj problemo de eldono.

Cetere, mankas (aŭ tute ne ekzistas) lernolibroj kaj antaŭaj jam estas elĉerpitaj. Esperanto-Klubo de Hanojo daŭre uzas kopiojn de iu hungara lernolibro, kiun pro longeco ili mem mallongigis kaj reenpaĝiĝis.

Mi kunportis proponon de UEA pri helpo rilate al lernolibro. UEA reeldonis la lernolibron "Saluton" en Kamboĝo antaŭ ne longe kaj pretas sendi parton al Vjetnamio. Cetere, Jokohama Rondo en Japanio pere de mi donace sendis kelkajn ekzemplerojn de "Hanako lernas Esperanton", nova lernolibro verkita de ili mem kaj laŭ sendokosto ili mem akceptos.

Ĉefa kialo de mia vizito estis pro traduko de la libro "Yumeiho" en vjetnaman lingvon. Kaj rilate al Yumeiho mi ĉeestis en kunveno en tiu medicina lernejo, kie kolektiĝis ĉirkaŭ 50 ĉefe lernantoj de medicino. Mi i.a. ankaŭ parolis pri Esperanto, mia mondvojaĝo per ĝi kaj komparo de la angla kaj Esperanto kaj la direktoro de la lernejo ankaŭ konfirmis intereson kaj deziron.

Poste la sek. de VPEA diris, ke la direktoro jam akceptis la okazigon de la kurso. Al VPEA mi donacis monsumon necesan por duone kovri koston de materialoj de Esperanto por lernantoj kaj nun oni atendas rezulton de tiu entuziasmiĝo.

Ĝenerale oni povas diri, ke kvankam angla lingvo nun pli forte ol ĉiam eniras tiun landon pro malfermiĝo de la lando kaj leviĝo de la sankcio kontraŭ Vjetnamio far de Usono kaj sekve kapitalismaj landoj, tamen ankoraŭ Esperanto povas havi sufiĉe da loko,

se koncernantoj movadaj en kaj ekster la lando utiligus avantaĝojn de tiu malfermiĝo ankaŭ por Esperanto.

***rolo de la najbaroj de Vjetnamio***

Vjetnamio estas najbaro al Ĉinio, kie ekzistas multe da esperantistoj kaj spertoj rilate al la movado. Cetere, en Kamboĝo lastatempe Esperanto pli kaj pli trovas sian lokon kaj tiuj 2 najbaroj povas esti bonaj amikoj por Esperanto-movado de Vjetnamio, kvankam politikaj problemoj inter tiuj landoj ne estas tute solvitaj. Kaj Koreio kaj Japanio povas esti aliaj tiaj amikoj. Turismo, ekzemple, povas esti unu el la kampoj, sur kiu oni povas agadi por instigo, varbado kaj financado.

Por doni bildon rilate al la praktika kunlaboro inter tiuj 3 landoj ĉi tie mi donas freŝajn ekzemplojn. Por Universala Kongreso en Seulo japana esperantisto (KUMAKI Hideo) kovras vojaĝkoston de 2 vjetnamoj (la sek. kaj prez. de VPEA) kaj samideanoj en Koreio helpas pri iliaj loĝado kaj restado. *El Popola Ĉinio* (fama Esperanto-gazeto), kiu mem finance estas en iom kriza situacio, donacis 15 senpagajn abonojn al VPEA . Kaj la samideanoj en Kamboĝo, baldaŭ sendos lernolibrojn al vjetnamaj Esperanto-instancoj.

Pri Esperanto-movado en Vjetnamio estas ankoraŭ aliaj dirindaĵoj, kiuj restu por aliaj okazoj.

Povas esti, ke baldaŭ ankoraŭfoje mi vizitos Vjetnamion, ĉi-foje ankaŭ Hochiminh-urbon.

*Reza Kheir-Khah /C.P.O. Tokyo, Box No. 405, 100-91 Japan.*
*faks & tel.: 81-3-3833-3490*

## 2.4 Vojaĝo al la monda tegmento
### *raportas Wang Tianyi*

En la pasinta jaro akompaninte la francan Esperanto-amikon Pierre Berlot mi jam vizitis la parton de la monda tegmento Ĉinhai-provinco, kie vivas la tibetanoj, kaj ankaŭ la mongoleca kaj turkeca gentoj, kaj islamanoj. Pri nia movado en la parto mi jam raportis en "Esperanto en Azio", n-ro 14, decembro 1993. Ekde tiam s-ro Pierre kaj mi jam havis deziron viziti la centran parton de la monda tegmento Tibeto. Laŭ nia plano la vojaĝo okazos en la venonta junio. Sed en la pasinta marto unu Esperanto-vojaĝanto el Italio pli frue realigis la deziron. La itala esperantisto Savino Delcarmine estas tre pia kredanto de la religio, kaj li flugis al Ĉinio ĉefe por viziti la sanktan lokon de la religio Tibeto. Laŭ lia deziro mi kiel ĉiĉerono akompanis lin fari la interesan vojaĝon.

Al Tibeto estas du vojaĝlinioj: Xi'an - Chengdu - Lhasa per aviadilo; alia, Xi'an - Xining - Lhasa per aŭtobuso. Ni prenis la unuan.

## *Xi'an, Krucvojo de Esperanto-vojaĝo en Ĉinio*

Xi'an, kie mi loĝas kaj aktivas, situanta centre de Ĉinio, estas mondfama pro la abundaj historiaĵoj kaj trafika pordego de la okcidenta Ĉinio. De Xi'an oni povas komenci la vojaĝojn laŭ la Silka Vojo, kaj al la monda tagmento Ĉinghai-Tibeto Altebenaĵo. Pro la speciala situacio nia movado en Xi'an havas sian stilon aktualan. Kelkaj spertaj esperantistoj kun iuj samideanoj de Esperanto aktivas en la urbo. Ni bone konas la movadon kaj ties situacion tra la mondo, ĉar preskaŭ ĉiumonate ni akceptas esperantistojn el eksterlando, ankaŭ ofte en la hejmo. Kutime ni aranĝas la turismon, kaj poste daŭrigan vojaĝon aŭ donas al la vizitantoj utilan konsilon pri aliaj lokoj. Precipe, mi okupiĝas pri la aranĝo kiel vivrimede, ĉar en Ĉinio funkcias speciale monpaga sistemo por la eksterlandanoj, kaj vere ekzistas lingva malfacilo ekster la luksaj servejoj, kie uzeblas nur la angla lingvo. La okupon mi neniam aŭdacis konsideri antaŭ jaroj. Fakte la vojaĝo aranĝita de la ĉina samideano estas ne nur favora al la movado, sed ankaŭ monŝparema kaj specialsperta al la vojaĝantoj el eksterlando.

Kompreneble, nia movado en Xi'an ne estas floranta tiel kiel ni esperas, sed ni preferas al pli konkretaj agadoj, kaj montri al aktuala socio utilecon de nia lingvo. Lastjare ni jam praktikis multe, kaj nun ni energie prizorgas ĉi tiun krucvojon de Esperanto-vojaĝo en Ĉinio.

## *La obstina movado en Chengdu*

De Xi'an ĝis Chengdu ni veturis per trajno pli ol unu nokton. Chengdu situas oriente de Tibeto; ĝi estas la ĉefurbo de Sichuan-Provinco kun pli ol cent milionoj da loĝantoj, kaj ĝi mem posedas ĉ. sep milionojn da loĝantoj. Pro la teruraj montaroj inter ĝi kaj Tibeto la ŝoseo funkcias tre malbone; aviadilo okupas gravan lokon en transportado.

Nia movado en Chengdu havis brilan historion , kaj ne mankas esperantistoj famaj tra Ĉinio. Kiel en aliaj lokoj lastjare malaperis multe da komencantoj, kaj nia movado revenis en la kutiman minisocieton: Kelkaj maljunaj kaj junaj regule renkontiĝas ĉiumonate en la tradicia tetrinkejo, kaj neniam forgesas tradiciajn Esperanto-festojn ĉiujare. Mi laŭdas ilian obstinecon, ĉar en Ĉinio tia regula aktivado jam estas malofta al multaj Esperanto-organizoj. Alie pro la situo en la interna Ĉinio mankas praktika okazo, kaj ili estas tre gastamaj, kaj pretaj sincere bonvenigi gastajn esperantistojn. Ĉi tie mi devas mencii kelkajn Esperanto-aktivulojn batalantajn en la urbego, kaj al ili mi refoje donas sinceran dankon pro la sindona helpo dum nia restado. S-ano Zheng Ping estas unu el organizantoj de la loka Esperanto-movado, kaj energie praktikas nian lingvon. Li estas juna kaj sperta pri la lingvo kaj la movado. Mi kredas, ke li havas brilan perspektivon. Prof. Wu Dengxiang laboras en biblioteko de universitato. Li estas malnova esperantisto, spirita

persono de la minisocieto. S-ro Cheng Wuankuan, iama organizanto de la loka movado... Kompreneble pere de ili vi povas trovi aliajn samideanojn en Chengdu.

### *La espero en Lhasa*

De Chengdu ĝis Lhasa ni traflugis per aviadilo super la ondaj neĝmontoj, kaj post du horoj ni atingis la flughavenon Ganga, 100 km sude de Lhasa, la ĉefurbo de Tibeto. Elkajutiĝinte, ĉiuj tuj sentis la altecon kun la okulpika sunbrilo sur la monda tegmento. Poste, de la flughaveno ni veturis al Lhasa, la plej izolita urbo en Ĉinio. Survoje sporade troviĝas tibetaj vilaĝoj kun speciala stilo. Mi cerbumis, kie estas niaj esperantistoj sur la monda tegmento. Ĉu ili esperantumas malfacile, aŭ fieras en la plej alta regiono de la mondo? Al la tibetaj esperantistoj mi ne sentas ilin misteraj, ĉar antaŭ dek jaroj ni jam okazigis Esperanto-kursojn en Tibeta Instituto en nia urbo Xi'an, kaj ni ankaŭ legis adresojn de tibetaj esprantistoj tra Tibeto. Sed bedaŭrinde mi neniam legis raporton pri nia movado kaj Esperanto-organizaĵo en Tibeto. Tio signifas, ke ni jam semis kaj al la semo mankas prizorgo. Ĉu mi povas trovi la semojn dum la vojaĝo, kaj fari ian kontribuon al la Verda Vojo en la monda tegmento?

Tri horojn poste ni atingis la urbon. Kompreneble ni vizitis la famajn lokojn kiel Podalan Palacon, Zepang-templon kaj Bajao-straton, ... Sed por mi la loka Esperanto-movado estas la plej interesa. Mi volis scii, kiel funkcias nia movado en la monda tegmento. Jes, kiel vojaĝ-gvidanto mi ĉiam estis okupita de la vojaĝ-servado. Mi aĉetis la telefonkarton kaj multe telefonis laŭ malnovaj adresoj por kapti ĉiujn eblecojn. Feliĉe finfine mi trovis lokan esperantiston, s-ron Sun Yanxue, kiu estas vicdirektoro de Tibeta Aŭto-Pasaĝera Korporacio. Li rakontis, ke antaŭ jaroj kelkdek komencantoj lernis Esperanton en Lhasa. Kaj ili kolektis dek kelkajn komencantojn, sed poste pro la falo de nia movado en Ĉinio, ili ankaŭ perdis viglecon, kaj nun ... tion vi jam scias. Mi ankaŭ rakontis multe pri nia movado en aliaj urboj kaj provincoj, eĉ pri Esperanto-movado en Hindio kaj Nepalo, najbaraj regionoj de Tibeto. Mi montris al li mian optimismon, kaj kuraĝigis refoje organizi nian movadon en Tibeto. Li promesis al mi bonvenigi al Tibeto esperantistojn, ĉar lia profesia okupo povas helpi la vojaĝon. Li eĉ proponis, ke li sendu vojaĝantojn al Nepalo ktp... Jes, mi devas adiaŭi la mondan tegmenton. Ŝajne mi antaŭvidus la verdstelan flagon flirtanta sur la plej alta pinto de la mondo.

Mia raporto finiĝas. Nia Verda Vojo al la monda tegmento jam elkonstruiĝis, sed nun mankas verdaj vojaĝantoj. Ĉu vi intencas kontakti nin? Jen la adresoj:

*s-ro Wang Tianyi/ Xi'an Esperanto-Asocio, Xiyinglu 74 hao, CN-710054 Xi'an, Ĉinio. tel.: (029) 526 53 24 (0), fakso: 86-29-323 95 89 BP: 1271-20890*

*s-ro Zhang Ping/ Jun Ping Jie 150 Hao, CN-610011 Chengdu, Sichuan, Ĉinio. tel: (028) 444 39 28 (0)*

s-ro Sun Yanxue/ Tibeta Aŭto-Pasaĝera Korporacio, Beijing Zhonglu 44 hao,
CN-850001 Lhasa, Ĉinio

## 2.5 Raporto pri 1993-jara Laboro: Ĉina Esperanto-Ligo

### Enkonduke

En la jaro 1993 Ĉinio atingis rimarkindajn sukcesojn en multaj kampoj, precipe en la ekonomio. Tio havigis al la ĉina Esperanto-movado eblecon kaj ŝancon sin disvolvi. La E-movado de Ĉinio progresis, sed ne "dormis".

### Gazete

Januare, "La Mondo", la organo de ĈEL, revenis de Qingdao al Pekino. Post sia apero ĝi iris zigzagan kaj malglatan vojon. Precipe en la lastaj jaroj ĝi havis grandajn malfacilojn en financo. Estis feliĉe, ke la nombro de ĝiaj abonantoj en 1993 kreskis de 300 al 1020.

### Enlande

1. Februare, stariĝis la ĈEL-delegita reto en Ĉinio, kun la celo akurate informi la lokan movadon, abonigi EPĈ kaj "La Mondo" kaj fari aliajn servojn.
2. Marte, fondiĝis Ĉina Junulara Esperanto-Asocio kaj Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio.
3. Aŭguste, kunsidis en la urbo Chengde unue esperantistoj-instruistoj kaj poste ĝeneralaj sekretarioj de provincaj E-asocioj. Inter la sekretarioj iris varma diskutado "Kiel konduki la ĉinan E-movadon kaj laboron sub la merkata ekonomia sistemo". La ĉeestantoj samopiniis, ke oni devas kapti eblecojn kaj ŝancojn por disvastigi Esperanton; oni povas funkciigi ekonomian entreprenon, por ke ĝi servu al disvolvo de nia E-afero.
4. Decembre, okazis en Pekino kunsido organizita de ĈJEA, kun partopreno de pli ol 20 junaj esperantistoj el Pekino, Tianjin, Chengde, Tangshan kaj Handan. La gejunuloj diskutis pri la nuna stato de la ĉina junulara E-movado kaj organizado de junularaj aktivadoj.
5. Decembre, en multaj urboj inkluzive de Pekino okazis kunvenoj memore al la 134-a datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof kaj la 100-a datreveno de la naskiĝo de Mao Zedong (1893-1993), kiu subtenis Esperanton per sia surskribo dediĉita al la Yan'an-aj esperantistoj en decembro 1939.
6. En 1993, ĈEL gastigis pli ol 15 alilandajn esperantistojn, inter kiuj troviĝis d-ro SO Gilsu, d-ro L. C. Zaleski-Zamenhof kaj f-ino Sabira Stahlberg.

1. Maje, la tri-persona delegacio de ĈEL, invitite de la E-klubo "Pacifiko", vizitis Rusion kaj kontaktis multajn rusajn esperantistojn en la kvar urboj.
2. Julie, ok esperantistoj el Ĉinio ĉeestis la 78-an UK en Valencio, kaj la samideanoj de ĈEL kaj EPĈ tie havis agrablan renkontiĝon kun kelkaj estraranoj de UEA.
3. Aŭguste, laŭ la invito de la Esperanto-Propaganda Asocio de Oomoto, tri ĉinaj esperantistoj inkluzive de s-ino Tan Xiuzhu, vicprezidanto de ĈEL kaj vicĉefredaktoro de EPĈ, partoprenis la 80-an Kongreson de Japanaj Esperantistoj kaj la 70-an jubileon de la fondiĝo de EPA.
4. Decembre, ĈEL sendis al d-ro SO Gilsu, estrarano de UEA, la liston de 33 ĉinaj delegitoj-kandidatoj.

***Kelkaj Punktoj de la Laboro de ĈEL por 1994***

Kelkaj punktoj de la Laboro de ĈEL por 1994 sin prezentas jene:

1. Januare-februare: lanĉi kampanjon por varbi ĈEL-membrojn kaj abonantojn de "La Mondo", profitante la okazon de esperantistaj renkontiĝoj en Pekino kaj aliaj urboj dum la Printempa Festo de Ĉinio.
2. Marte-aprile: fondi la fakajn E-asociojn medicinistan, filatelistan, go-istan kaj alian.
3. Maje: sendi reprezentanton de ĈJEA al la seminario de TEJO okazonta en Francio:
4. Junie-julie: organizi E-karavanon al la 79-a UK en Seulo.
5. Aŭguste: sendi du junajn esperantistojn proponitajn de ĈJEA al la 50-a IJK en Koreio.
6. Aŭguste: okazigi someran semajnon de ĉinaj esperantistoj ĉe la someruma urbo Beidaihe nordoriente de Pekino.
7. Fari preparlaboron por okazigi la 3-an Ĉinan Kongreson de Esperanto en 1995.

*ĝen. sek. de ĈEL Zou Guoxiang*

*1994-01-31, Pekino*

## 2.6 Kunlaboro inter Eŭropo kaj Azio per Esperanto

Kiam en 1990 aperis plano pri organizado de internacia renkonto de eŭropaj kaj aziaj esperantistoj, multaj reagis skeptike. Sed la ideo interkomprenigi orientanojn kaj okcidentanojn per Esperanto trovis entuziasmajn subtenojn.

Eŭropo-Azio '91 estis la unua provo. Ĝi okazis en Jekaterinburg, grava urbo kun 1.4 milionoj da loĝantoj kaj centro de Esperanto. 6-14 jul. 1991 cent paroprenantoj (33 el

Eŭropo kaj 67 el Azio) havis neforgeseblajn tagojn. "Oriento-Okcidento: Kio komuna? Kio malsama? Kio kunigas, kio disigas? Ĉu du civilizoj aŭ du branĉoj de la civilizo? Kia rolo por Esperanto?" - tiuj demandoj estis traktataj, apud la vasta kleriga-turisma programo. En la lasta kunveno oni unuanime decidis fari la aranĝon tradicia.

Eŭropo-Azio '92 okazis denove en Jekaterinburg en la silvestra periodo 29 dec. 1992 - 5 jan. 1993. La ĉeftemo estis "Esperanto en la postkomunisma mondo", sed dominis programo festa kaj turisma. La gastoj vizitis malnovan siberian urbon Toboljsk, faris haltojn en Permo kaj Moskvo. Tiu 'postkongresa' vojaĝo nomiĝis "La Rusa Vintro". Partoprenis 49 aziaj kaj 26 eŭropaj esperantistoj, malgraŭ ega frosto.

Eŭropo-Azio '93 havis sian baz-urbon en Permo (okcident-urala urbo kun pli ol milionoj da loĝantoj), unuafoje en Eŭropo, tial inter pli ol 60 venintoj, nur 16 reprezentis Azion. La varian programon kun la ĉeftemo "Esperanto en la internaciaj kulturo, turismo kaj komerco" sekvis 'postkongresa' trajna vojaĝo tra Jekaterinburg, Moskvo kaj Peterburgo.

Dum tiuj tri EA-aranĝoj oni multon vidis: Malnovaj rusaj urboj, skanzenoj, folkloraj vesperoj, konatiĝis kun la nov-generaciaj ruslandaj esperantistoj kaj ĉiufoje vizitis la faman limon inter Azio kaj Eŭropo je 30 kilometroj de Jekaterinburg. La plej grava atingo estis starigo de kontaktoj inter la ordinaraj homoj de Eŭropo kaj Azio pere de neŭtrala lingvo Esperanto.

Alia grava rezulto estis partopreno de ĉinaj esperantistoj, kiuj kutime havas grandajn komplikaĵojn pri pasportoj kaj vizoj. Entute, 18 ĉinoj venis al ni, sed nur 3 koreoj kaj 4 japanoj. La organizantoj tre kore dankas al niaj gesamideanoj el Azio, kiuj helpis efektivigi niajn Eŭropo-Aziajn renkontojn. Precipe koran dankon al prof. Lee Chong-Yeong kaj d-ro Kim Yung-myung (ambaŭ el Koreio), Nisio Tutomu (el Japanio), Lin Bo, Ning Shou-Ren, Cao Xionglin kaj Gu Jianhua (ĉiuj el Ĉinio), kies partopreno estis vere elstara! Nia danko iru ankaŭ al Sabira Stahlberg, kiu provizis nin per tre gravaj adresoj.

Eŭropo-Azio '94 okazos denove en Azio inter la 15a kaj 21a de julio 1994. Ĉi-foje oni pasigos la ĉefan periodon ĉe Bajkalo - la perlo de Ruslando, sur bordo de la plej fama lago en la mondo. Tie ni seminarios, kleriĝos, interamikiĝos, ripozos kaj havos plurajn eblojn por marŝi en ĉelaga montaro.

La temo de Eŭropo-Azio '94 estas elektita tiel, ke la dezirantoj partopreni en la 79a Universala Kongreso povu veni tuj post la fino de EA '94 al Habarovsk (trajne) kaj de tie al Seulo (aviade). Ni pretas renkonti la eŭropajn partoprenantojn en Peterburgo, Moskvo kaj Bresto - de tie ni organizos trajnan vojaĝon tra tuta Ruslando al Irkutsk, kun halto en Jekaterinburg. La azianoj bonvenu al Irkutsk, Ĥabarovsk kaj Vladivostok. Ni atendas vin.

*Pliaj informoj haveblas ĉe Ruslanda Esperanto-Asocio/*
*RUS-620077, Jekaterinburg-77, P.K. 67, Ruslando.*
*Elektrona Poŝto vak@ntmi. e-burg.su.*
*Halina Gorecka (sekretario de REA)*

## 2.7 *Esperanta movado en Kwangju, Koreio*

La urbo Kwangju situas ĉ. 400 km sud-okcidente de Seulo. Laŭdire en nia urbo iam tre viglis Esperanta movado. Sed el tiamaj samideanoj nun troviĝas neniu. Do, ni povas diri, ke nia movado ree komenciĝis ekde la jaro 1981 helpate de prof. d-ro SO Gilsu, la nuna eldonanto de "Esperanto en Azio".

La movado, komenciĝinta je rekordaj partoprenintoj (pli ol 370) en la elementa kurso, kiun prof. d-ro SO Gilsu mem gvidis, renkontis malfacilaĵojn tuj post la finiĝo de la kurso, ĉar li devis reiri al Seulo.

Mi menciu ĉefajn malfacilaĵojn, kiuj estis problemoj ne nur en nia urbo sed ankaŭ en aliaj lokoj, kie Esperanta movado burĝonis.

Unue mankis sidejo por kunveni kaj plu lerni por tiom da komencantoj. Kvankam tri kvaronoj el ili malaperis dum la kurso, tamen ankoraŭ restis pli malpli 100 membroj el diversaj socitavoloj. Tio estis ne malgranda nombro. Due mankis la kerno de la movado, nome kapabla gvidanto spertinta en organizado en la Esperanta instruado kun karakteriza metodo kaj inda lingvoscio. Trie mankis taŭga lernolibro, sed poste mi konstatis, ke almenaŭ lernolibroj ne mankis al Esperantujo, sed mankis tiu kun trafa kapablo rekomendi laŭ la nivelo de lernantoj.

Ĉiukaze jam pasis pli ol 13 jaroj en tia cirkontanco. Dume mi mem daŭre gvidis la elementan kurson por urbanoj dufoje en ĉiu jaro kiel la loka prezidanto, sed kiom novaj esperantistoj eniris en nian Esperantujon, tiom malnovaj forlasis nin. Sed estas atentinde, ke fine de 1991 aliaj aktivaj samideanoj komencis jen reprezenti la movadon, jen gvidi la elementan kurson. Nun la tria prezidanto reprezentas nian filion kunlaboe kun ĉ. 40 membroj, kaj el kiuj precipe junaj fraŭlinoj gvidas elementajn kursojn, kaj en ĉiu ĵaŭdo ni kunside daŭrigas lernadon. Ankaŭ ĉi-jare en januaro okazis elementa kurso dum monato por urbanoj, subtenate de la favora helpo de TV, radio-stacioj kaj ĵurnaloj, sed partoprenintoj estis apenaŭ iom pli ol dek.

Nun ne plu okazas la afero, ke nove bakitaj esperantistoj kvazaŭ flosantaj folioj sur la maro, nesciante kiel direkti, dolore konstatas, ke facile lernebla interesa Esperanto estas fakte ne facile lernebla kaj ne interesa, se ili deziras lerni plu. Ni ĉiam pretas kaj klopodas doni altkvalitan instruon al dezirantoj, kaj kunlabori kun lokaj grupoj el aziaj landoj, kaj laŭeble doni helpon al vi dum la kongresaj tagoj.

Ĉi-jare mi kaj aliaj 5 membroj en la UK kaj 6 fraŭlinoj en la IJK laboros kiel volontuloj.

*SIN Gjong-sik/ P.O. Kesto 130, Kwangju 501-600, Korea Respubliko/ tel. 062-675-1812)*

## 2.8 *Inaŭguris Klubo Esperantista de Patan (KEP), Nepalo*

En la 15a de decembro 1993, okazis inaŭguro de nova esperantista klubo en la urbo Patan, kiu situas proksime de Katmanduo. La klubo estis fondita de gejunuloj kaj verŝajne ĝi funkcios kiel junulara organizaĵo de Nepalo.

La estro de la loka komitato Dilip Surestha inaŭguris la klubon. Maljuna esperantisto Gyan Bahadur Shakya estis la kunvenestro. La vicprezidanto Vijayes Surestha bonvenigis la partoprenantojn kaj sciigis pri la venonta programo. Li anoncis, ke Esperanto-kurso okazos de la 2a de januaro 1994. La prezidanto de NEspA, Mukunda Pattrik aplaŭdis la klopodon de junuloj kaj deziris ke la klubo prosperu vaste.

Fine, la prezidanto Razen Manandhar dankis al ĉiuj partoprenantoj kaj sciigis, ke lia Esperanto-Nepali, Nepali-Esperanta vortaro aperos antaŭ aŭgusto de la venonta jaro.

F-ino Shobhana Bajsacharya anoncis dum la programo. Tie ĉeestis pli ol 35 partoprenantoj. Kelkaj maljunaj essperantistoj ankaŭ venis je la programo. Estis koincido ke ankaŭ en 1960 okazis Esperanta kurso en la sama lernejo.

Aliflanke, estis la festo de naskiĝtago de Zamenhof. Estis unuafoje en Nepalo, ke homoj festis Zamenhof-Tagon.

Leteroj kaj salutkartoj estas atendataj:

*Klubo Esperantista de Patan(KEP)/ P.O. Box 368, Lalitpur, Nepalo*

*raportis Razen Manandhar.*

## 2.9 *La unua datreveno de "Montejo", Nepalo*

"Montejo", la tri-monata gazeto de Nepalo nun festis sian unuan datrevenon la 11an de septembro 1993. Tiam venis ĉ. 40 junaj kaj maljunaj geesperantistoj.

Dum la renkontiĝo, Baikunttra Man Maskey iĝis la kunvenestro kaj Shree Prasad Shrestha lanĉis la kvaran numeron de "Montejo". Li opiniis, ke "Montejo" ludas gravan rolon por diskonigi la misteran landon al la mondo, ĉar ĝi rakontas interesajn aferojn kiel festivalo, raporto aŭ historio. Philip Pierce, la lingvo-kontrolanto, bonvenigis la gastojn per efika parolado. Poste sekvis paroloj de Mukunda Pattrik, la prezidanto de NEspA, Marko Ono, Bishhu Bhakta Shakya kaj f-ino Ganga Malla. Post tio, Dipendra Kumar Piya, la ĉefredaktanto prezentis la buĝeton kaj jarraporton. Fine, la kunvenestro deziris bonon kaj sukceson al la laboro de du junuloj kaj esperis, ke ĝi daŭru kun afabla helpo de aliaj esperantistoj. La redaktanto kaj desegnanto, Razen Manandhar estis anoncanto de la programo.

Letero, salutkartoj kaj recenzoj pri "Montejo" el diversaj landoj estis ekspozitataj en la kunvenejo kaj ĉiuj partoprenintoj ricevis la gazeton "Montejo". La ĉarma renkontiĝo finiĝis kun memorinda grupfotado kaj manĝeto.

Okaze de la datrevena renkontiĝo, Montejo invitis maljunajn esperantistojn, kiuj partoprenis entuziasme. Ili lernis Esperanton antaŭ 33 jaroj, de s-roj Tibor Sekelj kaj Simo Milojeviĉ. Nun ili hezitas babili en Esperanto sed iomete komprenas la lingvon. Tamen, unu el ili memoris du liniojn de Esperanta kanto, kiun li lernis dum la kurso. Li rakontis kiel s-ro Milojeviĉ ŝerce riproĉis lin, kiam li provis lerni Esperanton pere de la angla. Li havis nenian rilaton kun lokaj esperantistoj, post kiam la antaŭa movado ĉesis aktiviĝi. Li ne scias eĉ pri la vizito de s-ro Milojeviĉ en Nepalo en 1991. Li opiniis, ke ĝi estis iel historia okazaĵo de nepala Esperanta movado.

Multaj de la maljunaj lernintoj nun laboras diversloke, je respondecaj postenoj, kaj havas altan familian devon. Tial, ne ĉiuj povis partopreni, sed ŝajnis, ke ili havas intereson pri movado-novaĵoj. Estis tro malfacile trovi iliajn hejmojn, ĉar pasis longa tempo kaj multaj el ili jam ŝanĝis sian loĝejon. Krome, s-ro Gambir Man Shresta, la delegito mem, rifuzis partopreni!

Pri tiu ĉi renkontiĝo, du revuoj Kantipur kaj Nepal Times raportis.

*Raportis Razen Manandhar.*

# 3. Informoj

## 3.1 Utilaj informoj pri la 79a UK en Seulo

### aldone al "Kiel atingi UKon en Seulo?"

### 3.1.1 nove fiksitaj horaro kaj tarifo de pramŝipo inter Inchon kaj Tianjin

1) Tianjin (10:00)—tranoktado en pramŝipo—Inchon (15:00) *horo senŝanĝa

| | |
|---|---|
| numero de pramŝipo | C-435 en julio 13 (mer) |
| | C-436 en julio 18 (lun) |
| | C-437 en julio 22 (ven) |

*LKK akceptos ĉe la haveno nur en tiu ĉi tago.

Inchon (13:00)—tranoktado en pramŝipo—Tianjin (18:00) *unu horo pli fruiĝis

| | |
|---|---|
| K-439 en julio 29 (ven) | K-440 en aŭgusto 03 (mer) |
| K-441 en aŭgusto 08 (lun) | K-442 en aŭgusto 12 (ven) |
| K-443 en aŭgusto 17 (mer) | K-444 en aŭgusto 22 (lun) |
| K-445 en aŭgusto 26 (ven) | K-446 en aŭgusto 31 (mer) |
| K-447 en septembro 05 (lun) | |

2) nova tarifo de vojaĝkosto depost la 1a de majo (ĉirkaŭ 10% altigita)

| | | | |
|---|---|---|---|
| VIP-ĉambro: | 250$ | 1-a klssa: | 210$ |
| 2A-1: | 210$ | 2A-2: | 170$ |
| 2B-1: | 160$ | 2B-2: | 145$ |
| 2C: | 135$ | 2D: | 110$a |

3) nova delegito, kiu pretas helpi vin en Tianjin (vidu ĉi-jaran jarlibron)

s-ro HAN Zuwu: hejma telefono (022) 437 5557 (vic-ĝenerala sekretario de TEA, membro de IFEF)

* bona kaj afabla samideano, kiu mem partoprenos en UK, kaj kiu, fervojisto, povas helpi vian trajnvojaĝon.

### *3.1.2. nova tarifo de pramŝipo inter Inchon - Weihai kaj Chingdao*

1) • la horaro estas senŝanĝe sama (vidu la lastan numeron de "Esperanto en Azio"). Por personoj, kiuj elektas tiun ĉi vojon, tamen preferus elekti sekvantan tagon:

• Ekiro de Weihai en julio 20 (merkredo) aŭ 22 (vendredo) je la 17a.

• Alveno al Inchon en julio 21 (ĵaŭdo) aŭ 23 (sabato) je la 8a matene. *La 23an deĵoros LKK por akcepti .

• Ekiro de Inchon en aŭgusto 2 (mardo) aŭ 9 (mardo). Tiuj kiuj partoprenos en ILEI konferenco aŭ UK, povos iri al Chingdao en la 7a tago (dimanĉo) kontraŭ la sama kosto.

2) nova tarifo de vojaĝkosto (ĉirkaŭ 10 % altigita)

| | |
|---|---|
| reĝa ĉambrego (du-lita): ĉiu lito | 300$ |
| reĝa ĉambreto: | 200$ |
| speciala: | 180$ |
| unuaklasa: | 140$ |
| dua klasa: | 110$ |

* Oni rapide mendu la biletojn. Hodiaŭ mi jam kontrolis nunan staton, kaj jam estas malfacile aĉeti plej malmultekostan. Ek de la unua de aprilo plene liberiĝis la vojaĝo de koreoj al Ĉinujo, dum la veturrimedoj estas preskaŭ samaj. Imagu, kio okazos en la pinta sezono de vojaĝo.

### *3.1.3. nova horaro de flugoj inter Ĉinujo kaj Koreujo*

Ŝanhajo (12:30)— KE6145— Seulo (15:20)

Seulo (09:00)— KE6135— Ŝanhajo (10:00)

• en ĉiu lundo, merkredo, vendredo kaj sabato (aldoniĝis unu flugo pli en vendredo ol antaŭe)

Tianjin (12:30)— OZ3165— Seulo (16:30)

Seulo (09:00)— OZ3155— Tianjin (11:20)

• en ĉiu mardo, ĵaŭdo, vendredo kaj dimanĉo (horaro iom ŝanĝiĝis)

* Ĉiuj aviadiloj flugas senŝanĝe.

### *3.1.4. pri la vizo*

Mi antaŭvidas, ke krom ĉinaj esperantistoj aliaj samideanoj, kiuj havas validan

invitilon, ne havus ian problemon por ricevi enirvizon. Por ĉinaj esperantistoj mi aparte vizitis la korean ambasadejon en Pekino, kaj renkontis konsulon pri vizaj aferoj en la lasta februaro por aŭdi lian opinion.

*SO: Kia estas via principo por eldoni vizon por internacia kongreso aprobita de la registaro.

*KONSULO: Ni precipe eldonas vizon al ĉiuj, kiuj petas kun kompletaj formalaĵoj. Ĝenerale ĉinoj, kiuj partoprenas en internacia kongreso, ricevas oficialan pasporton per oficiala invitilo, kaj petas vizon al la korea ambasadejo oficiale pere de sialanda ministrejo pri eksterlandaj aferoj.

*SO: Kiel vi traktas personan pasporton (neoficialan)?

*KONSULO: Ĝis nun oni uzis la personan pasporton nur por viziti sian parencon, kiu loĝas en Koreujo, ĉefe korenacieculoj loĝantaj en Ĉinujo.

*SO: Ĉu tio signifas, ke esperantistoj, kiuj havas personan pasporton, ne oficialan, ne povas ricevi vizon eĉ kiam ili havas oficialan invitilon?

*KONSULO: Tio ne signifas, ke absolute ne eblas, sed ĝis nun neniam okazis tia afero. Ankoraŭ ni havas tempon, kaj ni decidos, kiam la afero efektive okazos. Ni konsiderus diversajn faktorojn. Ekzemple la nombron de la partoprenantaro, profesion ktp.

### *3.1.5. pri la invitilo*

UEA kaj LKK havas principon eldoni invitilon nur al tiuj, kiuj jam aliĝis kaj pagis la kotizon, sed homoj en multaj landoj havas malfacilaĵojn pro tio, ĉar ili povas pagi nur kiam ili ricevas la permeson de siaj supraj instancoj. La esperantistoj el tiaj landoj petis nomatan *"provizora invitilo"* -n per kiu ili ricevu permeson, kaj post la aliĝo ili ricevu oficialan invitilon, kiu validas por ricevi vizon. Dum la vizito en Ĉinujo mi plene komprenis ilian staton, kaj post la reveno mi proponis al LKK, ke ni sendu ĝeneralan invitilon al E-asocioj sen la listo de de partoprenontoj, kaj sendu la oficialan, kiam ili sendos la liston de aliĝintoj. Mi ne scias ĉu tio helpos. LKK tamen sendis al kelkaj, kiuj jam petis tian invitilon. Mi atendas viajn opiniojn pri tio, por ke mi proponu samon ankaŭ por venontaj jaroj. Se vi sendos opiniojn, mi oficiale proponos en estrara kunsido de UEA en Seulo.

### *3.1.6. Kiel atingi Ĉinujon el Pakistano?*

*funkcias aŭtobuso de Pakistano ĝis Kashgar, Ĉinujo:

a) Rawalpindi (tuj apud Islamabad) —(631 km)—Gilgit (ĉ. 13 horoj per aŭtobuso; ĉiutage 2 flugoj: 80 minutoj)

• Rawalpindi—Gilgit: ĉiutage je la 4a, 9a(luksa), 13a, 19a, 22a horo ekiras aŭtobusoj.

• Gligit—Rawalpindi: ĉiutage je la 4a, 9a(luksa), 11a, 14a, 20a horo ekiras aŭtobusoj.

*veturkosto: 86 Rs (1 USD=16Rs), luksa aŭtobuso: 120 Rs.

b) Gilgit—(184 km)—Sust (kontrolejo de pakistana landlimo)
ĉiutage je la 8a matene aŭtobuso ekiras (4-hora veturado). veturkosto: 25 Rs.

c) Sust—(121 km)—Pirali (kontrolejo de ĉina landlimo)
ĉiutage je la 9a matene aŭtobuso ekiras. Veturkosto: 160 Rs=10 USD

• Sust—(86 km, 95 minutoj)—Kunjerab Montpasejo (4704 m. alta)

• Kunjerab—(35 km, 1 horo)—Pirali

ĉ) Pirali (84 km, 1.5 horoj)—Tashkurghan

• Tashkurghan—(280 km, 7 horoj)—Kashgar

d) Kashgar—(1482 km)—Urumqi

• aviade 4 horoj tra Aksu. Aksu (08:40)—Urmuqi (10:55) *krom sabate ĉiutage, aŭtobuse 4 tagoj.

• ĉiuj informoj estas ne ĝisdataj. Kontrolu denove, kiam vi efektive vojaĝos.

## 3.2 Esperantologia Konferenco en la UK en Seulo

Esperantologia Konferenco, kiu kutime okazas en UK, ankaŭ ĉi-jare okazos. Tamen ĝiaj diversaj trajtoj ĉi-foje en la 79-a UK en Seulo estos aliaj ol la antaŭaj, kiujn d-ro Detlev Blanke ĉefe preparadis.

Ĉi-jaran konferencon preparas grupo de koreoj, nome, d-ro Bak Giŭan, s-ro Ho Song, s-ino Kim Uson, helpate de s-ro Lee Jung-kee, sekretario de LKK de la 79a UK.

1. Por ĝi oni elektis temon "Esperanto el Azia Rigardo".
2. En la tago de la konferenco, antaŭtagmeze oni aŭskultos prelegojn pri lingvistikaj studoj dum ĉirkaŭ tri horoj, kaj posttagmeze oni havos simpoziforman diskutadon pri ne pure lingvistikaj studoj same en tri jaroj.
3. Pri la enhavo de ĉi tiu konferenco la grupo raportos post la UK kaj broŝurigos ĝin por eldoni.

• Ĉiuj interesitoj pri la konferenco estos bonvenaj kaj la grupo estas preta ricevi ĉiajn konsilojn kaj kunlaboremojn por la sukcesa konferenco. Tiuj, kiuj deziras partopreni en la konferenco kiel preleganto aŭ kiel simpoziano, estas petataj kontakti la preparan grupon per ĉi tiuj adresoj.

*Korea Esperanto-Asocio/ CPO Kesto 4258, Seulo 100-642, Koreio.*
*tel.: 82-2-614-5784. fakso: 82-2-614-5785*
*aŭ*
*HO Song/ Chamsil Chugong apt. 345-303, Chamsil 3-dong,*
*Songp'a-gu, Seoul 138-223. tel./fakso: 82-2-786-4519*

### 3.3 *Konkurso de Ĉina Radio Internacia*

Estimata aŭskultant(in)o,

La 19-an de decembro 1994, 30-jariĝos la Esperanta disaŭdigo de Ĉina Radio Internacia. Antaŭ ĝia alveno ni tutkore vin danku pro tio, ke en la pasintaj 30 jaroj vi donis al ni, de tempo al tempo, subtenon, helpon kaj inspiron.

Kiel konate, Radio estas tre efika rimedo por popularigo kaj aplikado de la internacia lingvo. Kaj vi scias, ke pluraj personoj de Ĉina Radio Internacia dediĉis ne nur sian junecon sed ankaŭ la mezaĝecon al la Esperanta disaŭdigo. Ni esperas ke ĝi, dank' al via spirita edifo kaj konkreta helpo, fariĝos multe pli bona ol en la tridek jaroj.

Tridek jaroj! Ĉu oni povus ion skribi aŭ diri, konsile aŭ konsole? Ĉu tiu ĉi malgranda deziro realiĝos? Ho, anstataŭ patosi, ni iel aranĝu la aferon — kaj jen, la ideo pri konkurso de kontribuaĵoj venis al ni en la kapon kaj nun flugu al vi!

Fakte la signifo estas tre grava, kiel por doni al ni kaj forton kaj mensan subtenon, tiel ankaŭ por altigi la pozicion de Esperanta disaŭdigo en Ĉina Radio Internacia, kiu disponas tiom pli 43 lingvojn.

1. Kiam vi komencis aŭskulti la Esperantan disaŭdigon de Ĉina Radio Internacia? Kian impreson vi havas ĝenerale?
2. Kiu programero pli plaĉas al vi? Kial? Ĉu vi povas ĝin komenti?
3. Ĉu vi bonvole parolu pri vi mem, pri via laboro, pri via Esperanto-aktivado?
4. Ĉu vi povas verki ion gratule al la 30-jariĝo?

Fine ni donu al la konkurso la titolon "Mi kaj la Esperanta Disaŭdigo de ĈRI".

Ni sincere petas, ke vi donu iom da libera tempo al tiu ĉi jubilea konkurso kaj frue sendu vian kontribuaĵon per kasedo aŭ papero al ni, ĉar ni petos specialistojn prijuĝi ĉiujn pecojn antaŭ la novembra mezo.

Bonvolu preslitere skribi viajn nomon, aĝon, profesion kaj adreson!

### 3.3 *Konkurso de Scioj pri Tibeto*

Ĉina Radio Internacia okazigas konkurson de scioj pri Tibeto ekde nun ĝis la fino de aŭgusto ĉijare. Por faciligi vian respondon, ni elsendos koncernajn artikolojn en la programero "Leter-kesto" ekde la 2-a de majo. Ni varme bonvenigas vin partopreni en la konkurso. Sendu vian respondon nepre antaŭ la 31-a de aŭgusto. Vi gajnos premion laŭ via respondo, inkluzive la bonŝancon senpage viziti Tibeton.

**konkurso de Scioj pri Tibeto**

nomo:______________________

aĝo:_______

Profesio: ______________________

Adreso: (preslitere) ______________________________

1. Tibeto situas en ________-a parto de Ĉinio, meznombre altas je ______metroj super la marnivelo, kaj najbaras (entute kvin landoj). ______________
2. Tibeto oficiale apartenas al Ĉinio ekde la mezo de la ____-a jarcento.
3. __________ estas la ĉefa religio de tibetanoj.
4. La fundamenta politiko de la ĉina registaro pri religio estas ________.
5. Nun en Tibeto troviĝas _____ lernejoj, kun ____ lernantoj, el kiuj ____% estas tibetaj kaj aliaj naciminoritataj lernantoj.
6. En 1993 ______ da fremdlandaj, hongkong-aj kaj aomen-aj turistoj vojaĝis al Tibeto.

*Esperanto-Sekcio de Ĉina Radio Internacia/ Beijin Ĉina 100866*

## 3.4 Vi povas ricevi senpage "Heroldo de Esperanto"

Kiel kutime, la printempa duobla numero de "Heroldo de Esperanto" enhavas liston de feriaj renkontiĝoj, seminarioj, internaciaj kursoj, kunvenoj kaj kongresoj, kiuj okazas en Esperanto.

La listo por 1994, en kiu aperas datoj, adresoj kaj programoj, priskribas ĉ. 250 aranĝojn en la tuta mondo.

Oni povas senpage ricevi la koncernan duoblan numeron, marpoŝte se ekstereŭrope, petante ĝin ĉe la redakcio (Via Sandre 15, 10078 Venaria Reale (To), Italio). Kiel konate, "Heroldo de Esperanto", fondita en 1920, estas eldonata de laŭleĝe registrita societo sen profita celo.

*A. Fighiera-Sikorska (redaktorino)*

## 3.5 Ni turisme servos!

La turisma servo de Ruslanda Esperanto-Asocio fondiĝis nur meze de 1992. Ĝi jam organizis akcepton de kelkaj grupoj de "Monda Turismo" en Bajkalo, Siberio kaj Centra Azio (Samarkando-Buĥara). Ni ankaŭ kunorganizis la tradiciajn internaciajn aranĝojn Eŭropo-Azio. Ni estos tre ĝojaj akcepti grupojn de aziaj esperantistoj en Komunumo de sendependaj ŝtatoj. Inter niaj itineroj estas: Bajkalo, Siberio, Centra Azio, Moskv-Peterburgo, Uralo (montgrimpado kaj ordinaraj vojaĝoj), Norda Uralo k.a.

Ni povas renkonti la grupojn en ajna loko de Ruslando kaj akompani vin laŭ via deziro.

Petu pliajn informojn ĉe;

*Ruslanda Esperanto-Asocio/ RUS-620077, Jekaterinburg-77, P.K. 67, Ruslando.*

## 3.6 Sendu viajn kontribuaĵojn al "Orienta Almanako"

Daŭras laboro pri preparo kaj eldono de "Orienta Almanako". La unua volumo enhavos tradukojn de prozo de modernaj aŭtoroj. La dua almanako aperos kiel antologio de tradicia orienta poezio. La trian almanakon konsistigos originalaj verkoj de aziaj

esperantisoj. Bonvolu sendi viajn kontribuojn al la redaktoro de la projekto;

*Aleksander Korĵenkov/ RUS-620014 Jekaterinburg-14, P.K. 162, Ruslando.*

*Oficeja telefon-numero (3432)224501.*

## 3.7 la gazeto "Vjetnamio" ne plu eldoniĝas!

Pro malmultaj abonantoj la unika gazeto ne plu povas aperi, tre bedaŭrinde. Tiuj, kiuj pagis abonkotizon por la gazeto, ricevos repagon. Se vi pagis al mi, DOJ Ĉieko, atendu kelktempe. La repago jam estas ĉe mi, sed mi ne povas aranĝi la aferon pro manko de tempo. Baldaŭ mi repagos iel. Se vi pagis al s-ro Le Nhiem, vi ricevos la repagon rekte de li.

*DOJ Ĉieko, redaktanto de "Esperanto en Azio"*

## 3.8 Nova tritik-sema farado!

Treege ĝojinda revolucio en historio de tritik-sema farado naskiĝis en Ĉinio. Ĉina agronomo sukcese faris gravan bonspecon de tritiko "verda stelo", kiu mirigis agrikulturajn sciencistojn.

Nun la semo atendas aĉetantojn ĉe Esperanta Agrikultura Scienco-Teknika Esplorejo Jingchuan (EASTEJ). Detalojn petu de:

*Huang Yinbao, EASTEJ/ Jingchuan, Xian Kewei, Gansu 744300 Ĉinio/*

*tel. (09432) 21004*

# 4. Helpon! el Bangaloro, Bharato (Hinda Unio)

1993-10-12

Karaj gesamidenaoj,

kiel vi jam scias, dum la lasta semajno de septembro, tertremo de granda intenseco lasis pli ol 30000 mortintajn homojn kaj igis milojn da homoj sendomaj. La urĝa restariga programo jam estas farata de bharata registaro kaj multaj propravolaj organizoj.

Kompreneble, ni konstatas, ke la tuta restariga programo en tiuj ĉi vilaĝoj bezonas longan tempon kaj multe da mono kaj helpo.

Rilate al la longtempa restariga programo al la vilaĝanoj, la neregistaraj organizoj (NROj) kiel bone konataj "Oxfam, Action Aid (Helpago), Community Health Centre (Komuna Sana Centro)", kaj similaj, jam kuniĝis kaj aranĝis helpan komitaton en Bangaloro.

Bangalora Esperanto-Centro, decidis partopreni kaj subteni tiun ĉi noblan penon de la "NROj" kaj lanĉis programon helpi.

Ni petas vin aranĝi kolektadon de ebla kontribuaĵo, kiom vi povas, de esperantistoj, el via lando kaj sendi la sumon al ni por helpi en la restariga programo.

Bv ĝiri la ĉekojn / dratojn en la nomo de "Oxfam, India Trust", kaj sendi al Bangalora Esperanto-Centro /97, 24th Cross, 3rd Block East, Jayanagar, Bangalore 560

011, India.

Kun granda espero ke geesperantistoj partoprenos en la nobla tasko, nome, helpi la suferintajn viktimojn de la katastrofo.

Multan antaŭdankon!

*M.C.SURESH*

# 5. Historio

## *60 jaroj de "Per Esperanto por la Liberigo de Ĉinio"*

En 1987, en la jubilea jaro de Esperanto, germana s-ano Rudolf Burmeister, en la nomo de Esperanto-Asocio de la urbo Karl Marx (nun Chemnitz), donacis al Pekina Esperanto-Asocio valoran historiaĵon "Nia Manifesto", kiun germanaj kunbatalantaj amikoj kore konservis jam 60 jarojn, kaj kiu, pro longdaŭraj militaj cirkonstancoj, nun en Ĉinio estas jam tre malfacile akirebla.

En ĉi tiu "Nia Manifesto" presita en oktobro 1931, estis subskribitaj 20 ĉinaj Esperantaj asocioj por protesti la provokadon kaj milit-invadon de japana armeo en la tiam nomata Manĉurio (nun nord-orienta parto de Ĉinio) ekde la 18-a de septembro 1931.

"Nia Manifesto" estis reviziita de ĉina Esperanto-pioniro Hujucz kaj presita je 8500 ekz. Ili estis dissenditaj al diverslandaj Esperantaj organizoj kaj individuaj esperantistoj, inkluzive de tiuj de Japanio. La fremdlandaj kunbatalantaj amikoj tradukis ĝin en siajn nacciajn lingvojn kaj publikigis en nacilingvajn periodaĵojn, kaj ili diversmaniere esprimis siajn simpatiojn kaj subtenojn al ĉina popolo por ĝia batalo kontraŭ la japana invado.

Tia batalado de ĉinaj esperantistoj komencigis kunigon de ĉina Esperanto-movado kun la liberigo de Ĉinio.

Du jarojn poste, en la 2-a kongreso de Shanhaja Esperanto-Asocio okazinta en la 10-a de septembro 1933, estis oficiale prezentita la fama devizo "Per Esperanto por la Liberigo de Ĉinio" kaj ĝi estis unuanime akceptita kiel orientilo de ĉina Esperanto-movado.

Post la distribuado de "Nia Manifesto" kaj prezento de la devizo "Per Esperanto por la Liberigo de Ĉinio" ĉinaj esperantistoj longatempe batalis por la sankta celo liberigi el la fremdlanda kruela invado kaj enlanda reakcia regado, kaj dum tiu tempo ili eldonis diversajn progresemajn eldonaĵojn inkluzive de Esperantaj gazetoj "Ĉina PEK-Bulteno", "Ĉinio Hurlas", "Al Nova Etapo", "Voĉoj el Oriento", "Jen-an Esperantisto", "Heroldo de Ĉinio" k.a.

Intertempe s-anoj Zhang Hongfan, Lin Lan k.a. skribis multajn batalajn raportaĵojn kaj ilin dissendis al siaj korespondantoj en Pollando, Ĉeĥoslovakio, Japanio k.a., kaj iliaj korespondantoj rapide tradukis la raportaĵojn en siajn naciajn lingvojn kaj publikigis en nacilingvajn periodaĵojn.

Estas menciinde, ke s-ano Xu Shouzhen (Eltunko) redaktis progresemajn Esperanto-

gazetojn "El Ĉina Muziko", "Ĵurnalisto" kaj aliajn, verkis kaj tradukis revoluciajn raportaĵojn kaj kantojn kaj ilin dissendis al diverslandaj samideanoj. Li verkis ankaŭ longan raportaĵon pri bataloj de ĉinaj esperantistoj por la liberigo de Ĉinio kaj ĝi estis aperigita en bulgara Esperanto-gazeto "Internacia Kulturo" kaj utiligita de s-ano Ye Junjian por prelego en la 34-a UK okazinta en Bournemouth, Britio. Pro liaj multaj progresemaj kaj revoluciaj agadoj la reakcia registaro mortigis lin en 1949, antaŭ la liberigo de Chengdu, kie li batalis. Ĉinaj esperantistoj ĉiam memoras pri liaj multaj heroaj bataloj per Esperanto por la liberigo de Ĉinio.

La 10-a de septembro 1993 estis la 60-a Prezent-datreveno de la devizo "Per Esperanto por la Liberigo de Ĉinio". Memorige por tio la Pekina Xiqu-a Poŝtmarka Kompanio uzis oficialan Esperantan poŝtstampilon, desegnitan de ges-anoj Xie Shaoxing kaj Tan Ailing kun Esperanto-flago, Esperanto-torĉo sur ĉina mapo.




*Ĉin Kajĝi*

*Filatela Societo de Pekina Esperanto-Asocio/ Guanyuan 2-7-201, CN-100034 Beijing, Ĉinio*

# 6. *leteroj de legantoj*

## *6.1 el Melbourne, Aŭstralio 1993-09-02*

Unue mi deziras esprimi mian dankon pro la sendita "Esperanto en Azio", kiu estas ĉi-foje plena de novaĵoj el tuta Azio. Ni uzas artikolojn por nia radio-elsendo. Tio estas tre bonvena, dankon! Nia espero estas, ke vi sendados ĝin regule kaj ni restos en kontakto kun aziaj novaĵoj.

*Svetislav Kanaĉki / 72 Jubilee str. mt. Waverley Melbourne, Vic. Aŭstralio 3149*

## *6.2 el Nanchang, Ĉinio 1993-10-13*

Finfine mi ĝisatendis alvenon de la nova numero de EeA, ĉar ĝi estas nia nura informilo pri plej lastaj Esperanto-novaĵoj en Azio. Ĝi estas ankaŭ nia gvidilo por plua loka Esperanto-agado. Ĝi estas nia vera intima amiko. Iuj vortoj ridigis min, aliaj pensigas nin, triaj kuraĝigas nin, kvaraj komunikas kun ni ... Vorte ĝi satigas nian soifon pri Esperanto-novaĵoj kaj karesas niajn pensojn pri la sorto de Esperanto-movado en Azio.

*Gu Jian-hua*

*20 Yang Ming Lu, Jiangxi Zhongyi Xueyuan, Nanchang 330006, Ĉinio*

## *6.3 el Jekaterinburg, Ruslando1993-10-28*

Koran dankon pro "Esperanto en Azio". La gazeto iĝas ĉiam pli interesa kaj enhavoriĉa. Eĉ ni, en la periferio de Azio (ekstrema Nord-Okcidenta Azio) povas foje senti

nian apartenon al la grandioza azia kontiento...

*Aleksander Korĵenkov/ RUS-620010 Jekaterinburg-14 P.K. 162 Ruslando*

### 6.4 el Skolta Esperanto-Ligo, Finnlando 1993-11-10

Skolta Esperanto-Ligo festas ĉi-jare, en 1993 sian 75-jariĝon. Tiu estas signifa aĝo por Esperanta organizo, sed eĉ eksterordinara por skolta internacia ligo. Per tiu ĉi letero ni volas atentigi vin pri nia daŭra aktiva ekzisto kaj pri spertoj kaj planoj. Por ni estas grave ke la Esperanta komunumo estas konscia pri nia agado. Ne malofte okazas ke skolto aŭ skoltino eklernas Esperanton en kurso, sed neniam lernas utiligi la lingvon en sia preferata libertempa okupo, neniam ricevas kontakton al SEL.

*Anna Margareta Ritamäki, redaktoro de La Skolta Mondo/*
*Peltolavägen 6 B 36, 20720 ÅBO, Finnlando*

## 7. Kontribuoj

Post la raporto en n-ro 14, ĝis la 29a de aprilo jenaj 43 japanoj kaj 1 japana Esperanto-grupo kontribuis por la azia movado sume 73.5 stelojn (147,000 japanajn enojn).

AIHARA Misako, HAJAŜI Kanajuki, HOŜIDA Acuŝi, HOTTA Juri, HUKUMOTO Hirocugu, HUĴIMAKI Ken-iĉi, HUĴIŜIMA Toŝiko, IKAŬA Saĉio, INOUE Naoki, ITABAŜI Cutomu, ITAGAKI Akiko, IŬAI Masahisa, IŬAMOTO Hitoŝi, JAMASAKI Seikoo, JAMAKAUA Ŝuuiĉi, JAMAMOTO Ŝintaroo, JAMAZOE Saburoo, JAZAKI Jooko, KAI Kooiĉi, KAKEHI Kunimaro, KAŬAI Takaŝi, KUBOTA Kunio, MACUURA Kunio, MIJAMOTO Seiko, MINE Joŝitaka, MIZUNO Joŝiaki, Nagano-Esperanto-Kenkjuukai, NAKAHIRA Koozoo, NAKAĴIMA Joŝikazu, NIŜIKAŬA Tojozoo, OKUCU Ŝintaroo, OOHARA Takaŝi, OONIŜI Ŝin-iĉi, SAMURA Rjuuei, SASAKI Jasuko, SASANUMA Kazuhiro, SAŬAJA Juuiĉi, SUGANO Takeo, TADAIŜI Ĉizuko, TAI Hisajuki, TAKAHAŜI Hiroŝi, TAKAHAŜI Nacuko, TAKEZAKI Mucuko, TANI Hirojuki.

Koran dankon al ĉiuj kontribuintoj!

*Korektoj de* n-ro 13

p. 10, linio -5 Manchang—Nanchang

p. 11, linio 16`CN-210008—CN-330006

p. 27, dekstre linio 24-25 Bayi Dadao 141 Hao—Yang Ming Lu 20 hao

***•Parolas la redaktantoj:*** Ni ĝojas, ĉar ni vidas, ke Esperanto-movado en Azio pli kaj pli vigliĝas, kaj ke venas raportoj kaj informoj el diversaj partoj en Azio. Kiel ĝojaj estus ni, se en la Seula UK ni povus renkonti vin ĉiujn, kiuj skribis al ni kaj kiuj legas ĉi tiun bultenon! Espereble vi ricevos ankoraŭ unu numeron antaŭ la UK. *(red.)*